# Jes Ja!

PORTO ALEGRE
VINTRO 1992
2-A JARO
N-RO 2 (6)

## TRANSKOMUNIKADO: TEKNOLOGIAJ INTERKONTAKTOJ KUN LA SPIRITOJ

P. 11

Sube bildo kaptita de Harsch-Fischbach pere de VIDICOM: la angla Richard Burton, eksploristo en la 19a jarcento.



I N T E R V J U O

# PRZEMEK GRZYBOWSKI: SPIRITISMO EN POLLANDO PERE DE ESPERANTO

PRZEMEK GRZYBOWSKI, 23-A JARA POLA STUDENTO PRI PEDAGOGIO KAJ E-INSTRUANTO KUN INTERNACIA SPERTO ANTAÙNELONGE EKINTERESIĜIS PRI LA SPIRITISMA DOKTRINO. JEN EKSKLUZIVA INTERVJUO LIA AL "JES JA!":

**JES JA! - Przemek, kiel vi interesiĝis pri Esperanto?**

**Przemek** - Mi partoprenis en ekskurso al Hungario. Surloke montriĝis, ke ĝi estis esperantista aranĝo. Mi konstatis, ke estas mirinde vidi homojn de diversaj nacioj kiuj interkompreniĝas senprobleme. Instigita de tiu impreso, reveninte en Pollandon mi komencis lerni Esperanton.

**JES JA! - Kio estas viaj ĉefaj aktivecoj nuntempe kiel E-movadano?**

**Przemek** - Mi korespondadas kun amaso da samideanoj. Multaj el ili estas miaj gelernantoj, ĉar jam de kelkaj jaroj mi gvidas kursojn por komencantoj en diversaj lokoj. Mia kutima kaj la plej ŝatata laborejo estas en la esperantista kulturdomo Kastelo "Grésillon", en Francio, kie mi laboras ĉiusomere.

**JES JA! - Kiel vi taksas la nuntempan situacion de la movado en la mondo? En Eùropo?**

**Przemek** - La movado bezonas junularon. Rimarkeblas, ke preskaù ĉiuj organizoj laboras laù kaj en malmodernaj strukturoj, kiujn povas ŝanĝi nur junaj homoj. Estus bonege, ke en Eùropo kaj en la tuta mondo kreiĝu iuj

novaj, junularaj medioj, kiuj surbaze de kutima entuziasmo kaj kuraĝo de ĉiuj gejunuloj puŝu la aferon antaùen.

**JES JA! - Ĝis kiagrade la politikaj kaj sociaj ŝanĝoj en Orienta Eùropo (mal)favoras Esperanton?**

**Przemek** - Tiu ĉi demando estas tre malfacila. Oni fakte rimarkas, ke la nuna situacio de orienteùropaj landoj ebligas al ties popoloj pli aktivan partoprenadon en la movado, sed la influo de la tiel nomata "libera merkato" preskaù mortigas la moralan flankon de esperantismo. Nun en tiu ĉi regiono, homoj serĉas precipe viv-rimedojn. Oni ne devas forgesi, ke homo, kiu ne havas laboron, aù loĝejon, ne pensas pri superfluaĵoj. Mi timas, ke Esperanton oni povus rigardi kiel tiun ĉi superfluaĵon.



VERDA KAFO

LA PLEJ TRADICIA E-EVENTO
OKAZANTA EN PORTO ALEGRE

**Restoracio TUTTY'S,**
Centro Comercial Independência
**En la lasta sabato de la monato**

Ekde la 16h

**JES JA! - Kiamaniere vi interesiĝis pri la spiritisma doktrino?**

Przemek - Antaŭ sep jaroj mi partoprenis en eksperimento farata de frivolaj infanoj. La okazaĵoj tiel forte influis min, ke mi decidis pli serioze pristudi la aferon. Mi do kontaktiĝis kun Brazila Spiritisma Federacio; ricevis necesan literaturon kaj tre saĝajn konsilojn. Poste venis la tempo de intensa enprofundiĝo en la doktrinon - kaj jen spiritismo iĝis mia rimedo de la ĉiutaga vivo.

**JES JA! - Parolu iomete pri via aktiveco rilata al la disvastigo de la spiritisma penso vialande:**

Przemek - En Pollando preskaŭ tute ne ekzistas la spiritisma literaturo. Ĝenerale la popolo vidas en spiritismo iujn superstiĉojn, aŭ eĉ satanismon, ĉar vi certe scias, ke en nia lando regas la katolikismo, kiu foje estas tre fanatika. Do, polaj spiritistoj agadas precipe por prepari la necesaĵn librojn kaj samtempe aktivadas por helpi ĉiujn malfeliĉulojn - por montri la veran aspekton de tiu ĉi ideo. Al nia grupo apartenas precipe junaj homoj kaj danke al ilia entuziasmo kaj granda kunlaboro de la fratoj el Brazilo kaj Francio - la laboro iel disvolviĝas.

6-A ESPERANTO-SEMAJN-FINO DE PORTO ALEGR E

6/ SEPTEMBRO 1992

PLUS UNU ESPA-ARANĜO

JES JA! - Ĉu vi povus diri ion pri via sperto kiel Cseh-metoda instruisto?

Przemek - La metodo de Andreo Cseh estas mirinda. Dum la kursoj oni vidas miraklojn - la gelernantoj amuziĝas kaj samtempe parolas en Esperanto. Mi jam gvidis amason da tiuspecaj kursoj, sed ĉiu el ili estis por mi aparta ĝojo kaj sperto. Oni bonege rekonas la ritmon kaj la karakteron de vivo de la gelernantoj kaj tio elvokas veran amikecon. Mi ne plu memoras, pri kiom da landoj mi instruis la gelernantojn, sed precipe dum tiuspecaj kursoj oni rimarkas, ke ni ĉiuj vere estas unu granda familio.



D-ro L. L. Zamenhof

## *Saluto al Zamenhof*

*Al ĉiuj popoloj benatan donacon*
*Vi faris trafante la vojon plej bonan:*
*En korojn de l' homoj eksemis vi pacon,*
*Sur lipojn semante la lingvon belsonan.*

*Nun kreskas en mondo spirito homara*
*Kaj iom el via inspiro anima*
*Per ĉiu parolo de lingvo la kara*
*En koroj ekfloras al vivo senlima.*

**Edmond Privat**

**(El juneca verkaro)**

história

# ASSIM COMEÇOU O MOVIMENTO ESPERANTISTA NO RIO GRANDE DO SUL

POR OCASIÃO DO 15º CONGRESSO BRASILEIRO DE ESPERANTO, REALIZADO EM 1957, EM NITERÓI, RJ, O SR. BENJAMIN C. CAMOZATO, EMINENTE ESPERANTISTA GAÚCHO DE ENTÃO, APRESENTOU SEU TRABALHO SOBRE O "MOVIMENTO DO ESPERANTO NO ESTADO DO RIO GRANDE DO SUL", DO QUAL PUBLICAMOS A SEGUIR UM FRAGMENTO DADA SUA IMPORTÂNCIA HISTÓRICA:

"Confirmando o que de início dizemos de que, há mais de 60 anos nasceu o Esperanto em nosso Estado, a mais recuada referência que temos é o magnífico artigo da autoria do Sr. Arno Philipp publicado em 1894 no jornal "Deutsch Zeitung", do qual era diretor. Tendo o Esperanto aparecido em 1887 e este artigo sido publicado em 1894, quando tinha apenas 7 anos, há, portanto, 63 anos que se tem conhecimento do início do Esperanto em Porto Alegre, ou melhor, no Estado do Rio Grande do Sul. Desde 1896, com grande entusiasmo e eficiência trabalhou pela causa o mundialmente



## Jes Ja!

Redaktas: César Dorneles Soares. Redakcia adreso: Mal. Frota, 278, BR-91350 Porto Alegre, RS, Brazilo. Tel. (051) 344.2591. Abonu tri numerojn kontraŭ 8 poŝtmarkoj al nacia letero. Oni petas interŝanĝon.

conhecido Professor Francisco Valdomiro Lorenz, há pouco falecido. Suas obras e seus artigos aí estão como uma força viva, reflexo do seu grande valor que alimentou até os seus últimos momentos de sua vida. Grande sucesso alcançou seu "Esperanto sem Mestre", publicado em várias edições, sendo que a segunda, planejada para cinco anos, esgotou-se em apenas 18 meses. (...) Pelo ano de 1904 o movimento esperantista tomou grande impulso em Porto Alegre, tendo à frente os nomes de Cristiano Kraemer (falecido), Reinaldo Frederico Geyer e Benjamin C. Camozato. Cristiano Kraemer, pelas colunas do Correio do Povo, desenvolveu utilíssima e fecunda propaganda do Esperanto. Reinaldo Geyer e Benjamin C. Camozato, quando estudantes em Porto Alegre, prepararam uma gramática e um dicionário que infelizmente ficaram nos originais devido suas dificuldades financeiras. Por iniciativa do Sr. Cristiano Kraemer, no dia 2 de setembro de 1906, no Clube Caixeral, com o comparecimento de uma centena de interessados foi fundada a "Esperanta Societo Sud-Rio Granda" (...). Nessa Assembléia esteve representado o sr. Benjamin C. Camozato que nessa ocasião residia na cidade de Caçapava, neste Estado, no exercício de sua profissão (cirurgião dentista) e onde fundou um Grupo, mantendo uma aula com elevado número de alunos formado por pessoas representativas e gratas. (...) Ao "Brazila Klubo Esperanto" foi passado o seguinte telegrama: "Ontem tarde numerosa concorrência inaugurada Esperanta Societo Sud- Rio Granda 122 samideanoj". A este telegrma foi dada a seguinte resposta: "Agradecemos comunicação. Calorosamente abraçamos caros samideanoj. Vivu Zamenhof! Vivu nia lingvo! - Brazila Klubo" . (...) A natural implacabilidade do tempo, que elimina valores, foi mudando o aspecto humano e, assim, a "Esperanta Societo Sud- Rio Granda", que tão assinalados e bons serviços prestou ao Esperanto, desapareceu, sendo substituída pelo "Grêmio Esperantista Everardo Backheuser", em 1923 que, juntamente com a "Verda




Stelo" de Pelotas, bons frutos deu em continuação ao movimento. Em 1927 com o aparecimento de novos e preciosos valores tomou o Esperanto vigoroso impulso fixando nova época. Nesse ano, no dia 6 de outubro, um grupo de mais de cem adeptos do Esperanto, reunidos no Clube Caixeiral, fundou a "Sud Brazila Esperantistigilo". (...)Cursos com grande freqüência foram ministrados pelos srs. General Feliciano Domingues, Ary Zamora, Viterbo de Carvalho e Benjamin C. Camozato. Intensa propaganda foi feita pela imprensa local através das colunas do Correio do Povo, Diário de Notícias e Federação, dando grande impulso ao movimento que, por longos anos, conservou-se no mesmo ritmo. (...) Acontecimento de alta significação registrou-se em novembro de 1936, quando, por solicitação da "Sud Brazila Esperantistigilo", o então prefeito de Porto Alegre Major Alberto Bins concordou em dar a denominação de **Dr. Zamenhof** a uma das ruas de nossa capital. (...)A transferência do dr. Viterbo de Carvalho para o Rio de Janeiro e a dispersão de preciosos elementos muito cooperou para que a "Sud Brazila Esperantistigilo", após longos anos, cessasse duas atividades. Mas, felizmente a tênue camada de cinza que cobria a braza do ideal não tardoua desaparecer graças à ação dos professores Paulo Menezes e Lúcio Vieira, que fundaram a 2 de abril de 1945 a "Esperantista Societo de Porto Alegre", tendo sido sua primeira diretoria constituída pelos senhores: presidente, Ary Zamora; vice-presidente, Albert Sieber; 1º secretário, Bóris Eston; 2º secretário, Lizipo José Rodrigues; 1º tesoureiro, Aloys Furtenbach; 2º tesoureiro, José Martins."

historio

## KOLUMBO "ELTROVIS" AMERIKON (LAŬ EŬROCENTRISMA VID-PUNKTO)

"Eltrovo" estas iu banala kaj neklara koncepto ĉar ĝi supozas iun eŭrocentrisman mond-percepton kiu la kristana universalismo imperiisma de la Renesanco povis nutri, sed kiun nia moderna konceptado laika, plurkultura kaj mult-etnia, pli priokupita pri la restarigo kaj pri la rekono de la kulturaj kaj historiaj diferencoj de la popoloj, ne povas akcepti. (...)Inkluzive rilate al la pasinteco la filozofio kiu inspiris tiun 5an Centjariĝan Feston implicas iun retroiron. La vorto "eltrovo" estis eksplicite prohibita jam en la 16a jarcento de Francisco de Vitoria en lia **Relectio de indis**, iu traktato pri la kondiĉoj de legitimeco de la kristana milito kontraŭ la indianoj. Lia argumento estis simpla: pro tio , ke la amerika kontinento havis loĝantaron kaj ĝi posedis siajn registar-manierojn ne malpli legitimaj nur pro la fakto, ke ne estis kristanaj, estis malfacile demonstracii, ke ĝi havis la karakteron pri iu perdita objekto bezonanta iun posedanton. Oni rigore ne povus diri, ke la Nova Kontinento estis "eltrovita" nek , ke ĝi

estis iu "trovitaĵo". En iu simila senco la humanisto Garcilaso de la Vega estis espriminta en siaj "Comentários Reales", ke la eltrovo de la Nova Mondo fare de la Malnova signifis samtempe la eltrovon de la Malnova Mondo fare de la enloĝantoj de la Nova, eĉ se tiu lasta mond-percepto de la universala historio koincidis siavice kun iu kritika perceptado pri la nehumana detruado entreprenita de la hispanoj nome de la eùrokristanaj valoroj. "Tiu ĉi respubliko antaùe detruita ol konatigita", skribis Garcilaso, kvazaù anticipante al la akra historia falsado de la festado pri la "eltrovo" kiun hodiaùe oni intencas altrudi.

EDUARDO SUBIRATS,
EN LA REVUO "PORTO E VÍRGULA"

el PAPELÃO




INTERLANDA KONFERENCO PRI INSTRUADO

SAENZPEÑJO 92

INTERLANDA KONFERENCO PRI INSTRUADO
ĈAKO
ARGENTINO

TEMO: Didaktikaj Lingvaj Ludoj Kaj Kanzonoj Dum Instruado
DATO: 9-a ĝis 12-a de Oktobro 1992
ORGANIZANTO: SAENZPEÑA ESPERANTO-KLUBO - SEK
AÙSPICIANTOJ: Argentina Esperanto-Asocio - AEA
Sudbrazila Esperanto-Movado
ILEI - ARGENTINO
ARGENT-EJO

Ruben T. Diaconu
str. Yugoslavia y Esperanto
RA-3700 Pcia. Roque Saenz Peña, Chaco
ARGENTINO



NOVA ERAO

# TRANSKOMUNIKADO: TEKNOLOGIAJ INTERKONTAKTOJ KUN LA SPIRITOJ

MAJON OKAZIS EN SAN-PAÙLO LA 2-A INTERNACIA KONGRESO PRI TRANSKOMUNIKADO, TIO ESTAS, LA INTERKONTAKTADO KUN SPIRITOJ PERE DE ELEKTRONIKAJ APARATOJ - SONBENDILOJ, TELEVIDILOJ, KOMPUTILOJ (JES JA!) KTP. SAMEPOKE LA REVUO "PLANETA" PUBLIKIGIS INTERVJUON KUN LA BAHIA-A ESPLORISTO CLÓVIS NUNES, UNU EL LA REALIGANTOJ DE LA KONGRESO. ĴEN PARTO DE LIA INTERVJUO EN KIU LI PAROLAS PRI TIU NOVA KAJ FASCINA SCIENCA ESPLORO:

**PLANETA - La komenco de la transkomunikado estis pli-malpli programita de la spiritoj. Kio estis ilia celo pere de tiu tipo de kontakto?**

CLÓVIS NUNES - La komenco de la transkomunikado okazis en la komenco de la jarcento pere de kelkaj pioniroj kiel Thomas Alva Edison, kiu eĉ uzis kemiajn produktojn kiel la permanganato el kalio en lia fonografo provante paroli kun la spiritoj. Poste Nikola Tesla kaj Guglielmo Marconi donis indajn kontribuojn pere de elektro, en la komunikado per radio provante kontakti la spiritojn pere de tiu rimedo. Ili mortis sen nenia sukceso ĉar la scienco iliatempe estis tute mekanike elektra ne ebligante al ili teknikan subtenilon. Poste la teknologio fariĝis elektronika kaj la transkomunikado ekkonkretiĝis. Tamen la unuaj komunikoj nur realiĝis ekde 1959, pere de Jürgenson, okazante nevole. Li estis registranta bird-trilojn en






(M) Jürgenson, la pioniro de la spirit-voĉoj en sonbendiloj, sur foto 6 monatojn antaŭ sia morto kaj nun sur "Vidicom" (d)

iu domo en Stokholmo, Svedio, kaj li rimarkis, ke intermiksiĝante kun la gorĝoj aperis homaj voĉoj. Post variaj eksperimentoj kaj esploroj li konkludis, ke temis pri forpasintajn homoj.

**PLANETA - Tamen la instrumenta transkomunikado komencis esti monde konata en la 70aj jaroj...**

CLÓVIS NUNES - Jes, ekde la 70aj jaroj la transkomunikado ekpopulariĝis danke al EVP (Eletronic Voice Phenomena), la elektronika voĉ-fenomeno, disvolvita en diversaj landoj. Kelkaj asocioj eke estis fonditaj en Anglio, en Germanio. Ankaŭ en la 70aj jaroj d-ro George Meek decidis disvolvi iun

perfektigitan teknologion. Li sin bazis sur la jena hipotezo: pro tio, ke la spiritoj estas sukcesantaj kontakti la homojn pere de simplaj sonbendiloj, se oni disvolvus en la Tero iun plibonigitan teknologion, la transkomunikado povus esti plibone farebla. Sekve li ekinvestis iun signifan mon-sumon en la projekton, li kreis la Metascience Foundation, en Nordkarolino, li arigis grupon da kolegoj-inĝenieroj kaj li disvolvis diversajn prototipojn de Spiricom. Li ricevis helpon de iu teknikisto kaj mediumo nomata John O'Neil, kiu pere de klar-aŭdeco kaj -videco ricevis teknologiajn informojn de iu mortinta inĝeniero. Tiu spirito, kiu ankaŭ estis fizikisto, observis la malfacilecojn de la teraj ekipaĵoj kaj donis teknologiajn informojn. En 1982 ili spertis la emocion paroli unuafoje kun d-ro George Jeffries Mueller, forpasinta antaŭ 14 jaroj.

**PLANETA - Kaj kiamaniere eblis pruvi la identecon de d-ro Mueller?**

**CLÓVIS NUNES** - Li liveris siajn personajn donitaĵojn, la numeron de sia viv-asekura karto, du sekretajn telefon-numerojn de NASA kaj donis teknikajn informojn por ŝanĝi kelkajn komponantojn de Spiricom por plifaciligi la transkomunikojn. Ĉio estis konfirmita. Paralele al tiuj esploroj, en Okcidenta Germanio iu teknikisto pri akustika elektro nomata Hans Otto König disvolvis prototipon pere de la akustika elektra sistemo. Ankaŭ ricevinte teknikajn informojn de la spiritoj, li konstruis la generatoron, kie la spirit-voĉoj elsendiĝis el la son-skatoloj. Tia novaĵo populariĝis kaj ĝi vekis la intereson de la televido en Luksemburgio, kiu invitis lin por iu samhora prezento. En la oportuno lia ekipaĵaro estis muntita antaŭ la kameraoj de la TV-teknikistoj, por ke ne estus nenia suspekto pri trompo. Post la intervjuo la programer-prezentisto proponis iun samhoran kontakton. König ŝaltis la ekipaĵojn, li faris alvokon kaj tuje aŭdeblis

la voĉo de iu junulo forpasinta antaŭ sep jaroj; lia patrino troviĝis ĉe la spektantaro. Emociigita ŝi stariĝis kaj rekonis la voĉon de la filo. La televid-stacio ricevis po pli ol kvin mil leteroj, telefon-alvokoj, reelsendante trifoje la programeron. Oni kalkulas, ke en Eŭropo kvin milionoj da TV-spektantoj rigardis tiajn prezentojn.

PLANETA - Kio estas la celo de la transkomunikado al la spiritoj?

CLÓVIS NUNES - Ĉiuj spiritoj unuanime diras, ke la transkomunikado celas la spiritualigon de la homaro. (...) La transkomunikado komencas fendi la fundamentojn de la materiisma muro. Eble ĝi sukcesos konkretigi la revon de pli ol 140 jaroj da investigado en la kampo de la paranormaleco: la legitimigo de la spirito kiel esplor-objekto de la oficiala scienco. Mi kredas, ke la transkomunikado estos en la estonteco inter la pacaj eltrovaĵoj de la scienco, tiu kiu plejmulte da kontribuoj alportis al la homa kono. Ĝiaj konsekvencoj estos tiel mirigaj kaj bonfaraj, ke ili alportos multe da surprizoj, ĉar ni spertos la plej grandan revolucion de paradigmoj el iu ajn epoko. En la momento kiam estos demonstraciita, ke la homo ne finiĝas pro la morto, ni havos iun revolucion en ĉiuj stud-objektoj en la areoj pri scienco, filozofioj, religioj.



## KELKVORTE

* * * * * * * * * * * * * * * * * * *



* Kiel defendi iun civilizon kiu estas tio nur en la nomo pro tio, ke ĝi reprezentas la kulton al la bruteco kiu ekzistas en ni, la kulton al la materio?

**Gandhi**

* Nia vera nacieco estas la homaro.

**H.G. Wells**

* La historio estas aro da faktoj kiuj povus esti evititaj.

**Adenaver**

* Filozofio, dolĉa lakto de la malbonsorto!

**Shakespeare**

* Kiam la vizaĝo ridetas, tiam naskiĝas la suno en la koro.

**(japana)**

## NE MISELEKTU LA VORTOJN! . . .

EFEKTO = Forta impreso precipe de belarta verko, spektaklo: "La ĉefa efekto de la spektaklo estis la trapezistaj akrobataĵoj."

EFIKO = Rezulto: "kaŭzo kaj efiko", "la teruraj efikoj de la atombombo".

HAGAR — DIK BROWNE






# VoLaS KoReSpOnDi

Pri muziko, medicino, turismo deziras korespondi kuracistino Valentina Nan, str. Petre Dulfu n-ro 4/29, RO-4800 Baia Mare, jud. Maramures, RUMANIO.

Bibliotekistino kaj nova esperantistino, 30-jara, deziras korespondi pri geografio, literaturo kaj turismo. Iwona Broniewska, ul. Stalingradzka 20 m. 112, PL-03-468 Varsovio, POLLANDO.

Faka E-asocio pri NIFO-j (Neidentigitaj Flugantaj Objektoj) estas mia celo. Interesitoj, fakuloj kontaktu min! Dénes Pártay, Damjanich u. 1/I III/2, H-7400 Kaposvár, HUNGARIO.

Malliberuloj lernantaj Esperanton, al kiuj tute mankas ia ajn E-legajo, petas ĉefe porkomencantan literaturon, malnovajn revuojn k.s. Gogdan Dmitrieviĉ Pavskij, ab/ja UB 14/8, IO OTR, SU-658040 Altajskij kraj, Novoaltajsk, SOVETUNIO.

Religia homaranismo: Interesatoj petu informojn ĉe Info-Servo r.a., Bismarck-str. 28, D-W-3550 Marburg, GERMANIO

Korespondo-petojn kun japanoj konstante akceptas Japana Esperanto-Korespondo-Servo, ĉe KLEG, Sonehigasi 1-11-46-204, Toyonaka-si, 561 JAPANIO

43-jara direktoro de la Wuhan-a Esperanto-Asocio, civila inĝeniero, deziras korespondi. Xu Xian-wei, 430080, Wuhan Qingsahn HongGang-cheng 6 Jiefang 37-3, CINIO.

14-jara junulino el Siberio volas korespondi kun vi: Elmira Mahmutova, ul. Gagarina, d 18, g. Krasnojarsk 660020 Siberio, RUSIO.

